3ª jaro - Nº 9 (28) (Publication mensuelle) Septembro 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

NUN NI RAJTAS MALKAŜI LA SEKRETON :
LA PLEJ TAŬGA MONATO POR VIZITI ROMON
ESTAS... OKTOBRO !

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Ili revenis !

Estis tiom ripozige en Parizo dum la lasta tempo ! Pro manko de l' plej aktivaj elementoj la Esperantaj grupoj grandparte ne povis kunveni. Ĉe la aliaj, kiuj tamen okazigis kunsidojn, oni ĝuis agrablan silenton. Neniu paroladis, neniu elkovis grandiozajn projektojn pri nova varbmetodo. Nur de tempo al tempo iu diris : « Je via sano ! » Estis vere ripozige. Sed nun la ĉarmo ĵus rompiĝis, ĉar ili revenis !

Ili revenis, la gekongresanoj, el varma sudo, el varmega sudo, molaj kiel spongoj, ruĝaj kiel tomatoj, sed plenaj de entuziasmo pri la itala vojaĝo. Kaj ve al ni ! Vole-nevole, ilian vojaĝon, tagon post tago, horon post horo, ankaŭ ni devos partopreni !

Preskaŭ ni ne rekonis ilin, — ne nur ĉar tanis ilian haŭton suno malavara, sed ĉefe, ĉar ankaŭ iliaj propraj nomoj adaptiĝis al la kantanta sonoreco de l' itala klimato. Nia bona amiko Petit subskribas nun *Piccolo* ; nia respondeca redaktoro Bernard aspektas kiel aŭtentika *Bernardini* ; nia simpatia, ĉiam gajaspekta D-ro Couteaux estas nun « *Dottorissimo Coltelli* » kaj nia Generalo Bastien revenis kiel... *Marŝalo Bastiani* ; kaj ne estas eble citi unuope ĉiujn aliajn, kiuj identiĝas sub la nomo *Tutti Quanti !*

Kaj kiel amuza estis ilia rekontaktiĝo kun la hejma Parizo ! Kiam la vagonaro eniris la stacidomon aŭdiĝis unu sincera krio : « *Evviva Parigi !* », sed tuj poste aliaj alvokoj : « He *facchino !* — He gondolisto ! — Kie estas la *uscita ?* »

Plej malbonan impreson faris tiu edzo, kiu subite, dum li revide kisis la senpaciencan edzinon, memoris pri forgesita pakaĵo : « Mia mandolino ! Kie restis mia mandolino ? »

« Ha, perfidulo ! » la senĝoja edzino ekploris, « ankoraŭ nun vi ne povas forgesi vian kongres-edzinon ! Ŝi iru al la diablo, via Mandolino ! »

ALE BEN TARIP.




# IMPOSTAĴO

Ĝenerale inter civilizitaj homoj la vorto *impostaĵo* havas malbonan famon, kaj duoble malbonan famon — verŝajne pro la elvokiveco *) de la tri lastaj silaboj — ĝi havas en Esperantujo, kio refoje pruvas, ke Esperantistoj estas homoj duoble civilizitaj. Sed la elita legantaro, kiu faras al ni la grandan honoron legi nian prozon, kelkfoje ankaŭ niajn versojn, scias tre bone, ke ni ne kutimas maĉi niajn vortojn kaj ke ni ne estas bigotuloj. Nenio homa estas al ni fremda. — Tial ni senhezite parolos pri la temo.

Same, kiel ne ekzistas homo sen la tri lastaj siloboj, ne ekzistas moderna ŝtato sen impostaĵoj. Interese, kaj instrue, estas konstati la paralelecon inter impostaĵoj koncerne tutan popolon unuflanke, kaj la tri lastaj silaboj koncerne la unuopan individuon aliflanke. Ĉar ja ni havas tempon, ni vidu la objektojn de pli proksime.

Por la unuopulo, kiel por tuta popolo, la respektivaj objektoj respondas al du celoj (ni tre energie rifuzas paroli pri la tria!) : Ili estas la sidejo de l' materia sufero. — Ili estas la garantiaĵo de l' stabileco. — Koncerne la idon de l' homo, la supra aserto ne postulas klarigon kaj koncerne tutan popolon ĉiu facile komprenos, post ĝisfunda pripensado, ke vere, pro la impostaĵoj la popolo suferas kaj ke dank' al tiuj impostaĵoj la popolo sidas sur forta fundamento (kiel la individuo !).

Kaj nun imperative stariĝas la demando : Kio estas

---

*) kiel oni diras ĉe Literatura Mondo.

vera pri individuo kaj pri popolo, kial tio ne estus vera ankaŭ por la Esperantistaro ?

Efektive. Kio pleje mankas al ni, estas stabileco. Kio mankas al ni, estas materia suferebleco. La memvola monofero tro similas al amatora, kelkfoje eĉ al perversa monpuno. Nia ŝtato, kiu nomiĝas UEA, ankoraŭ tro ŝanceliĝas, ankoraŭ ne trovis definitivan vivcertecon, la garantiatan stabilecon. Tial ni bezonas kaj nepre volas impostojn !

Kial, okaze de la plej proksima kongreso (Vieno, 8-a — 15-a de aŭg. 1936), niaj leĝdonaj kaj ĉiam monbezonaj instancoj ne adoptus nian humilan proponon?

« Estas dekretite, ke ĉiujare, antaŭ la 31-a de Decembro, ĉiu vir-, virin- aŭ eventuale ali-seksa Esperantisto devas sendi al la loka delegito kompletajn respondojn al la sekvanta demandaro kaj konfirmi la verecon de sia deklaro per aldono de 3,— ĝenevaj frankoj.

**Impostoj je riĉeco.**

1) kiom da antaŭnomoj vi havas ?
2) ĉu vi havas kromedz(in)ojn ? — se jes, kiom ?

**Impostoj je vanteco.**

3) ĉu vi estas eminentulo ?
4) ĉu membro de l' Lingva Komitato aŭ de la Akademio ?

**Impostoj je neantaŭviditaj profitoj.**

5) ĉu vi fianĉ(in)iĝis dank' al Esperanto ?
6) ĉu dank' al Esperanto vi ricevis honorajn titolojn, tintantajn medalojn, aŭ poŝtkartojn kaj similaĵojn ?
7) kiomfoje vi bankrotis aŭ ĉu alimaniere vi gajnis monon dank' al Esperanto ?

**Impostoj je eksteraj signoj de evidenta lukso.**

8) kiom da kongresoj vi ĉeestis ?
9) ĉu vi abonas gazetojn ? — se jes, kiom ?
10) ĉu vi aĉetas Esperantajn librojn ? — ĉu prozajn ? — ĉu eĉ versajn ?
11) ĉu vi havas konton en banko ? — ĉu ĝi estas kreditora ? — ĉu debitora ?
12) ĉu vi uzas la akuzativon pli ofte ol necese ?
13) kia estas la dimensio de via insigno ?

k. t. p. »

Estos la tasko de niaj ĝenevaj oficistoj, kalkuli, sur bazo de ĉi tiuj konfesoj, la pagokapablon de ĉiu el ni kaj sendi al ni fakturon. Sed ni firme esperas, ke pro la bonega ideo, kiun ĵus ni sufloris al niaj plej altaj instancoj, oni poreterne liberigos nin de ĉiuj impostoj, nunaj kaj estontaj.

La deĵoranta Pirato.

# La Kavaliroj de la Verda Stelo



*Wranka Dragutin.*

## Kiam Jozefo R. Scherer militiras...

Nia elita legantaro sendube scias, ke la germana registaro nenial amindumas kun Esperanto. Ankoraŭ nia lingvo tie estas toleretata, sed ne pli. Kun bela kuraĝo, kiu vere estas kuraĝo, niaj germanaj samlingvanoj heroe kaj oferprete provas regajni la iaman pozicion. Cedante al neceso de l' nuntempo ili jam forlasis la utopion pri la Interna Ideo, forĵetis en la urtikojn la Homaranisman Idealon, malkonfesas sin « samideanoj » kaj proklamas, ke Esperanto devas ĉefe utili por klarigi al senkomprena eksterlando la novan politikon de Germanujo. Niaj germanaj samlingvanoj ludas laŭ la reguloj de l' ludo. Sed la batalo estas malfacila kaj... sen-

espera, se la eksterlandaj Esperantistoj ne ankaŭ militiras. Tion komprenis, kiel unua, nia bona amiko Jozefo R. Scherer, kaj senhezite li prenis sian sabron por skribi Leteron, kiun niaj germanaj samlingvanoj komunike transdonis al la kompetenta ministro. Tiun ĉi leteron ni tradukis laŭvorte el « Der Deutsche Esperantist » (Julio/Aŭgusto 1935) :

---

JOSEPH R. SCHERER
ĵurnalisto

nuntempe en Philadelphia, Pa., la 10-an de Junio 1935.

Kara amiko!

Ĉar ĵus mi legis tre malbonajn « informojn » pri Esperanto en amerika gazeto, mi volas foje skribi al vi en germana lingvo. La gazeto sciigis, ke la instruo de Esperanto estas malpermesita en Germanujo.

Kompreneble, mi esperas, ke tiu ĉi informo estas malĝusta, kiel multaj aliaj sciigoj pri Germanujo. Sed se nun Esperanto estus vere malpermesita en Germanujo, per tio Germanujo perdus *centojn da miloj da amikoj ĉirkaŭ la mondo*, kiuj ĝis nun ĉe ĉiu okazo defendis la novan Germanujon.

Se mi nur pripensas, kiom da ĝojo alportis al iliaj korespond-amikoj tra la mondo la esper-ĝojaj leteroj de germanaj amikoj; kiel mil tiaj leteroj detruis unu milionon da mensogoj pri Germanujo; kiel la germanaj Esperanto-gazetoj faris en eksterlando bonegan reklamon por la nova Germanujo; mi tiam certe tre bedaŭrus, se pro nescio de tiuj faktoj aŭ pro unuopa misfaro de unu Esperantisto la tuta lingvo estus malpermesita.

Dum miaj vojaĝoj tra ĝis nun 47 landoj kaj dum miaj ĝisnunaj 1.000 (mil) lumbild-prelegoj en universitatoj, lernejoj, societoj, unuiĝoj ktp. en pli ol 50 landoj mi havis okazon fari favoran reklamon por la nova Germanujo. Kvankam mi faris miajn prelegojn en 6 lingvoj, multajn el ili tamen mi ne estus povinta fari, se mi ne estus parolinta ankaŭ Esperanton.

Mi tial esperas, pro la supraj prikonsideroj, ke Esperanto estas plue permesata en Germanujo kaj ke la nova Germanujo kondukos siajn enloĝantojn al novaj sukcesoj.

Kun koraj salutoj :

*subskr.* JOSEPH R. SCHERER.

---

Kvankam la ŝajno estas kontraŭ nia aserto, ni tamen kuraĝas pretendi, ke ni ne estas ĝisostaj stultuloj. Ni kuraĝas diri, ke ni komprenis. Kaj niaflanke ni faris nian devon. Ankaŭ ni skribis menditan leteron, kiu estas kaj restos porĉiama honor-atesto pri nia alta ĵurnalista konscienco kaj pri nia fundamenta « la-homaro-estas-familio »-sento. Ĉi tiun leteron ni reproduktas ĉi sube en Esperanta traduko :

---

LA PIRATO
eble ne serioza, sed
sincera farsgazeto.

Parizo, la 1-an de Septembro 1935.

Kara amiko!

Ĉar ĵus ni legis malbonajn informojn pri Esperanto en germana gazeto, ni volas foje skribi al vi en hispana lingvo. Kompreneble ni esperas, ke ĉi tiu informo, kiel kutime multaj aliaj, kiuj aperas en gazetoj, estas malĝusta. Se tio estus vera, Germanujo perdus milionojn da bonaj amikoj en eksterlando!

Ĉu ni ne havis mem la okazon fari bonegan propagandon por la nova Germanujo ankoraŭ antaŭ kelkaj monatoj? Tiam alvenis Parizon tri judetoj, el kiuj unu havis plu nur unu okulon, al la dua mankis ĉefa peco de la malbela nazo, dum la tria, kompense, posedis ŝvelaĵojn sur la tuta korpo. Tiuj tri judetoj provis moligi niajn korojn per mensogaj rakontoj pri persekutoj kaj ĝenerale malbonon diris pri la nova Germanujo. Kaj jen, nur dank' al Esperanto ni sukcesis konvinki ilin pri la relativeco de iliaj imagaj suferoj. Al la unua ni klarigis, ke oni vidas per unu okulo tiom, kiom per du ; — al la dua ni promesis, ke lia nazo eble rekreskos ; — al la tria ni pruvis, ke ŝvelaĵoj ne daŭras eterne. Ĉar ili parolis nur germane kaj ĉar tiun lingvon ni tute ne komprenas, ni havis la eblecon konverti ilin al pli justa mondpercepto nur dank' al Esperanto. Ni eĉ alvenis al tiu rezultato, ke unuanime ili ĵuris neniam plu iri en Germanujon, per kio sendube ni faris grandan servon al la nova Germanujo.

Ni tial esperas... ktp.

Kun same koraj salutoj :

*Por La Pirato,*

A. B. C. Awful.



# Post la Kongreso

## Kongresdanĝeroj.

Diversaj, senfine multspecaj estas la danĝeroj, kiuj embuske minacas la sensuspektan kongresanon dum la ĉiujara esperanta festo. Dum antaŭaj jaroj eĉ okazis, ke kongresano, kiu en plena korpa kaj spirita saneco adiaŭis sian familion, post sia reveno ne povis plu interkompreniĝi kun siaj familianoj. Pro la daŭra dumkongresa uzado de Esperanto li estis tute forgesinta sian gepatran lingvon.....

## Sed ne dum la XXVII-a!

En Firona la gvidantoj de la naciaj karavanoj kun patrineca zorgemo atentis, ke iliaj ŝafoj ne perdiĝu, sed ĉiam restu kune en la grego. Tial la samkaravananoj ĉiam veturis en komunaj aŭtobusoj, partoprenis la samajn ekskursojn kaj dormis en la sama hotelo. Ili havis sufiĉan okazon por ekzerci sian gepatran lingvon kaj plene eluzis la eblecon. Kiu aŭdis la lingvon de la esperanta kongres-popolo en Firona, havis la impreson, ke malgraŭ sia ĉeesto la Francoj restis en Franclando, la Svedoj en Svedlando, la Nederoj en Nederlando; de esperanta vidpunkto, tia karavano estas vere kara vanaĵo.

## La estonteco.

Sinjoro Hofrato Steiner, la energia aranĝonto de la 28-a Kongreso en Vieno, vigle laboris en Firona. Li notis ĉiujn mankojn, kiujn montris la aranĝo de la ĉi-jara kongreso. Estis giganta laboro, kiu kostis multe da krajonoj. Sinjoro Steiner garantias, ke la samaj eraroj ne ripetiĝos en Vieno; espereble li elkovos aliajn. — Por devigi la kongresanojn al esperanta konversacio dum la kongreso, li dekretis, ke en neniu hotelo loĝu pli ol unu reprezentanto de ĉiu nacio; jen la plej taŭga rimedo, por provizore disigi la samlingvanojn. « En ĉiu hotelo nur unu de ĉiu nacio! » jen la devizo de sinjoro Steiner.

Gratulon pro via ideo, Sinjoro Kortega Konsilanto, ĉar ĝi estas jam tre proksima al la plej alta kongresidealo : « En ĉiu hotelĉambro nur unu de ĉiu sekso! »

Huĉjo.

## Tion bondeziris La Pirato...



...Kaj fine, post bonnokt-salut'
Dormu bone en ŝip-kajut'...




...Kaj fine, post grumblo kaj blek'
Dormu kie ajn sur ferdek'...

*Clelia Guglielminetti.*

**... sed tion faris la kongresanoj !**

# Dignon! *)

La landon, kie floras la citronoj,
Orengo zorgis pri l' vojaĝ-kuponoj,
Senhalte pelis nin al nova cel'
Per aŭtobus', vagono, ŝip', ... kamel',
Ĉu konas vi?
Al ĝi, al ĝi,
Ho kongresan', min tiras nostalgi'!

Kaj la hotelon kun titol' impona,
Kun brila halo, luksa pomp' salona,
Dum marmorbilde gapis la kelner'
Makaroni' rancigis sur teler',
Ĉu konas vi?
Al ĝi, al ĝi,
Ho kongresan', min tiras nostalgi'!

Kaj la prelegojn, kie en nebulo
La vojon serĉis senkomprena mulo,
La grotojn loĝis para malprudent',
Tra poŝ' malplena fajfas nun la vent',
Ĉu konas vi?
Al ĝi, al ĝi,
Ho kongresan', min tiras nostalgi'!

Rosa Meier.



---

*) Laŭ « Mignon » de Gœthe. Esperanta traduko de K. Kalocsay.

# Malklerulo legas « Odusseias » de Homeros

IV.

Kiaj estas tiu ridegado kaj tiu kantado laŭtaj de viroj iom ebriiĝintaj? Kiu ekkrias: « Kelnero, iom pli da vino »?

Ha! Jen la amantoj de Penelope, « ludante per damdiskoj antaŭ la pordo kaj sidante sur feloj de bovoj, kiujn ili estas mem buĉintaj ». Ili atendas. Ili atendadis plurajn jarojn, sed ili ne ŝanceliĝas. Iu lerta kritikanto diris, ke oni devus nomi ilin, ne « amantoj », sed « amistoj ». Ĉi tio perpleksigas min. Kia persono estas « amisto »? Pri « amistinoj » ŝajne mi iam aŭdis, sed — « amistoj »? Nu, jen io mistera, kiun vi mem devos solvi por vi. Iukaze, klare estas, ke, kiam sciiĝis, ke Odusseus malaperis kaj, ke lia edzino estas kvazaŭ sur la merkato, de ĉiuj partoj de orienta Mediteraneo oni rapidis al ŝi. Pri kiel ŝi akceptis ilin vi jam sciiĝis, sed ne supozu, ke tiuj paciencaj alvenintoj estas nur proamofreneziĝintaj sentaŭguloj; ili havis siajn rimedojn. Repelite de Penelope, ili respondis: « Certe vi rajtas fini vian teksaĵon antaŭ ol reedziniĝi, bonvolu daŭrigi, sed certe vi ŝatos intertempe gastigi nin », kaj dum pluraj jaroj pacience ili sin gastigis en la hejmo de forestanta Odusseus, kaj svatadis al Penelope. Ĉiam mi kompatas tiun vorton, tiel senkunula en Esperantujo. Vi ne komprenas? Enrigardu vian naŭlingvan leksikonon.

Ili estis tre ĝentilaj kaj memhelpemaj, la svatantoj.



## ITHAKAA SCENETO

*Servisto de forestanta Odusseus,* vidante « amanton », kiu, akrigante tranĉilon, kun saliviĝanta buŝo rigardas porkon: « Certe, sinjoro, vi ŝatus.manĝi tiun grasan porketon. Mi kaptos ĝin. »

*« Amanto »*: « Neniel vin ĝenu! Mi mem mortigos ĝin, kaj forbruligos ĝiajn harojn. » Li tion ĝentile faras.

Kion faris Telemachos, la familio kaj la servistoj? Ili plendis. Ili ja plendegis, dirante ekzemple: « Ili venas ĉiutage al mia domo, buĉadas bovojn kaj ŝafojn kaj grasajn kaprinojn kaj festenadas kaj trinkadas senzorge la vinon perlantan. »

Prudenta Telemachos sufiĉe malkaŝis pri siaj sentoj dirante: » Sed se en via animo ankoraŭ troviĝas hontosento, tiam vi foriru el mia domo kaj preparu aliajn festojn, fordiboĉante viajn propraĵn havaĵojn. » Sed ili restadis, svatante. Oni konas la tipon!

Sed finfine Telemachos, instigite de Athene (kiu sentis kiel li, kies okuloj pro tio pli ol iam fajrŝprucis) decidis, ke li devos revenigi la patron, tio ja senpretekstigos ĉi tiujn svatantojn! Sed antaŭ ol forlasi la « amantojn », rimarku ĉi tion: — « Herolde ageme nun iras tien kaj reen por enverŝi vinon al ili. » Jen bonega programero por Kongreso. Ĉu oni spertis ion similan en Roma?

Kiam Odusseus revenis kaj kiam oni demandis pri lia longa foresto, li rakontis, ke iu sorĉistino detenis lin tre longe ĉe sia insulo, kiu insulo, li emfazis, estas marĉirkaŭata, kaj sorĉinte liajn kunulojn, ŝi faris el ili porkojn. Mi ne konas vian edzinon, sinjoro, sed mi tre dubas, ĉu ŝi akceptus similan pretekston; senentuziasme mi atentigas pri tio. Vi memoros, ke oni nomis Odusseus « persistemo », sed ne, kiel la filon, « prudenta ».

*(Fino.)* V. V. (Bornea pirato).

---

# Intervjuo kun Roger Bernard

La ŝipo « Sinaia » estis ĝiskreve plenŝtopita per samideanoj. Krom tio kunveturis multaj esperantistaj eminentuloj, el kiuj kelkaj estis tiel eminentaj, ke sufiĉis pesilo por mezuri ilian eminentecon. Ankaŭ sinjoro Kreuz ĉeestis.

Kiam mi vidis tiom da gravaj personoj en la sama ŝipo, en kiu ankaŭ mi veturis, ekvekiĝis mia vanteco kaj ambicio kaj mi sopiris konatiĝi kun unu aŭ alia el la famuloj. Kaj mi havis feliĉon! Oni prezentis min al sinjoro Roger Bernard, responda redaktoro de « La Pirato ».

Ĉar li estis en bona humoro, mi baldaŭ perdis mian timtremon, kiun mi ĉiam havas, kiam mi parolas kun altranguloj. Mi sukcesis diskrete aludi, ke mi estas praabonanto de « La Pirato », post kio li estis videble pli afabla. Sed por definitive akiri lian favoron, mi bondeziris al li je lia 28-a naskiĝtago kaj gratulis lin pro lia ĉarma kongres-edzino.

Post tiuj preparoj mi kuraĝis peti lin pri intervjuo, kiu efektive okazis. Jen la dialogo:

Mi: Ĉu vi jam skribis kelkajn kongres-artikolojn por « La Pirato »?

Li: Ne, eĉ ne unu.

Mi: Sed kial ne?

Li: Mi havas por tio tri kaŭzojn. Unue mi ne havas tempon, due mi estas tro pigra, trie mi estas tro inerta.

Mi (mallaŭte): Sed por uzi neologismojn vi ne estas tro pigra!

Li: Kion vi demandis, sinjoro?

Mi: Ĉu Sala Fumal fakte ekzistas kaj kio estas ŝ'a ĝusta nomo?

Li: Sekreto, sekreto, tion mi ne povas perfidi.

Mi: Nun mi ne volas plu tedi vin per miaj demandoj. Sed mi scivolas, pro kio « La Pirato » bezonas respondan redaktoron. Se li devas skribi artikolon pri la Kongreso, li nenion redaktas, se abonanto direktas al li demandon, li nenion respondas. Ĉu pro tio vi havas la titolon « responda redaktoro »?

Li: Ne, pro alia kaŭzo. Ĉar mi *respondas* por la alta nivelo de niaj kajeroj, mi nenion *redaktas*. HUĈJO.




**Botelo.** — Pro cirkonstancoj sendependaj de nia volo kaj pro aliaj kaŭzoj, kiujn klarigi ne estas nia tasko, oni ĝenerale multe grumblis dum la lasta kongreso, sur ter' kaj sur mar'. — Niaj italaj geamikoj, kies bonvolon, senliman oferemon, viglan entreprenemon kaj honestan laboregon ĉiuj devas laŭde konfesi, malgraŭ ĉio ne povis venki malhelpaĵojn neantaŭviditajn. Kaj okazis, ke ne ĉio funkciis laŭprograme kaj ke estis granda diferenco inter la gajkoloraj esperoj kaj la kruda realeco. Pro tio kelkaj kongresanoj pretendas, ke la nunjara kongreso havis speciale italan formon, t. e. la formon de itala botelo. La enhavo estis bona, sed itala botelo tamen nomiĝas « fiascho », kiu vorto prononciĝas kiel nia Esperanta fiasko.

**Pirataĉo.** — Dezirante inviti al kantado la kongresanojn, « La Pirato » eldonis, por senpaga disdonado dum la kongreso, 2.000 ekzemplerojn de kongresaj kanzonoj. Kelkaj bonaj amikoj konsentis kunporti tiun stokon, — sed unu el ili, por plifaciligi la disdonadon, deponis 500 foliojn en la Akceptejo en Romo, tiel, ke eventualaj kantemuloj povu mem preni sian folion. Kaj ĉu vi scias, kio okazis ? Unu lerta kongresano akaparis la tutan deponaĵon kaj... disvendis ĝin je sia propra profito, ĉiun ekzempleron po 1 Liro. — Jen homo, kiun pro tiu piratega piratago ni senhezite nomas malhonora pirataĉo !

**Rekordo.** — Oni multe plendas pro nesufiĉa partopreno de la publiko ĉe laborkunsidoj kaj prelegoj. La kongresanojn interesis multe pli enlandaj vidindaĵoj ol retorikaj artaĵoj de niaj plej famaj oratoroj. Sed la rekordo apartenas al nia bona amiko Salo Kornfeld Grenkamp, kiu intencis paroli en Romo pri Kulturaj rilatoj inter Pollando kaj Italujo, — kun voĉaj tremoloj kaj alta liriko. Sed ĉeestis eĉ ne la ombro de unu kliento. Ĉiam oferpreta, Kornfeld decidis ne okazigi la prelegon kaj li tuj telefonis al la pola konsulo en Romo, tiucele mobilizita, ke... pro diversaj cirkonstancoj li povas resti hejme.

**S-ro Dupont.** — Oni konas sufiĉe la nerespekton de la francoj koncerne ministrojn kaj alispecajn bonzojn. Francoj volonte primokas siajn proprajn altrang-

ulojn kaj samlibere emas klaĉi pri alilandaj eminentuloj. Ankaŭ en Italujo ili komencis rakonti aŭ anekdoti aŭ kritiki malkaŝe pri la plej konata nuntempa itala ŝtatviro, kies nomo komenciĝas per M kaj finiĝas per i. Sed tuj afablaj italaj amikoj atentigis ilin pri eblaj konsekvencoj. Tiam la francaj kongresanoj, por eviti ĉian danĝeron, neniam plu elparolis la nomon de tiu plejfama regnestro, sed kiam temis pri li, ili pli saĝe parolis pri S-ro Dupont. Estas amuze konstati, ke iom post iom preskaŭ ĉiuj kongresanoj, eĉ italoj, ankaŭ adoptis tiun S-ron Dupont.

**Viktimoj.** — La itala monunuo estas la Liro. Ekzistas paperaj liroj kaj metalaj liroj. Sed ekzistas ankaŭ honestaj liroj kaj falsaj liroj. Multaj kongresanoj havis la okazon konatiĝi kun la lastaj, ĉar profesiaj monfalsistoj ĉiam preferas eksperimenti kun nespertaj eksterlandanoj. Ĝenerale la malfeliĉaj viktimoj rapide konsoliĝis pro la trompo kaj duan fojon oni ne plu rekaptis ilin. Kelkaj el ili sukcesis eĉ plue cirkuligi la ricevitajn falsajn monerojn. Sed estis unu sveda samideano, kiu ne volis kompreni kaj akre indignis : « En Svedujo », li diris, « la trafiko per falsa mono estas leĝe malpermesata ». — « Ankaŭ ĉi tie », asertis itala amiko. Kaj responde nia svedo, kun amara rideto, eltiris el sia poŝo sepfoje sinsekve falsajn monerojn deklirajn. Tiam la italo, kiu ne povis kompreni tian naivecon, konkludis : « Nu, se vi kolektas ilin, tio koncernas nur vin. »

**Kanibaloj.** — Se la kongresanoj entute bojkotis laborkunsidojn kaj instruajn prelegojn, ili montriĝis multe pli fervoraj, kiam temis pri akcepto ĉe oficialuloj enlandaj, kie honora vino estis trinkota aŭ honora kuko manĝota. Kaj ĉiufoje ripetiĝis la sama malbela spektaklo. Kvazaŭ malsategaj bestoj la unue alvenintaj, timantaj verŝajne, ke ne estos sufiĉe por ĉiuj, ĵetiĝis sentakte sur la pladojn kaj glasojn, ne atendante invitan geston de l' afablaj gastigantoj. Tiu riproĉo tuŝas ankaŭ diversajn francajn samideanojn, kiuj okaze de vizito ĉe la franca ambasadoro en Romo faris malbonegan impreson. S-ro Petit poste, kvazaŭ pentofare aŭ riparage, sendis al ambasador - edzino rozbukedon, speciale sendornigitan, sed tamen... Ĉu ne estus utile kaj necese verki nun la « Kodon de l' internacia Boneduko » kun kelkaj konsiloj pri elementa ĝentileco por uzo de certaj kongresanoj ?

**Io por la koro.** — Dum tiu turista kongreso oni iom multe neglektis la pure Esperantan flankon. La himnon oni kantis sen entuziasmo, foje eĉ sen muzikakompano, kio finiĝis per katastrofo. Mankis tiuj emociigaj momentoj, dum kiuj ruzaj virtuozoj de l' sentimentala violono celkonscie serenadas pri la Interna Ideo, Paco kaj Universala Amo. Mankis... mankis... tiel, ke niaj ĉeĥaj samideanoj minacis raporti hejme pri « La Kongreso, kiu *ne* okazis ». — Feliĉe ĉeestis nia bona amikino, S-ino Jacob el Thonon, kiu prezentis al la

pure Esperanta koro certan kompenson. Ŝi portis sur la ĉapelo dù Esperantajn flagetojn. Tio subtenis la fierecon de l' aliaj kongresanoj.

**Tro da ardo.** — Sur tiu « bela ŝipo de la kongres' » multaj plendis pro la varmego, senkomforto, malvasteco. Sed aŭdinte la senkulpigajn argumentojn de nia bona amiko Orengo, preskaŭ ĉiuj komprenis kaj volonte pardonis. Nur unu distingiĝis per atakema malbonhumoro, nome nia hungara samideano, eksministra moŝto Benard. Li surpaperigis majstran plendleteron, kiun li intencis sendi laŭ oficiala vojo al la plej alta itala instanco, por ke la organizantoj de la XXVII-a ricevu ekzemplan punon aŭ ŝtatan azilon sur la insulo Lipari. Kaj tiu terura Benard tuj kolektis subskribojn por atesti la valoron de sia verko. Onidire li sukcesis arigi dudekon da disĉiploj. Kaj fervore, vigle, malkaŝe li plendis, mallaŭdis, tondris, insultis. Kaj ĉarma fraŭlino admiris : « Vidu, kia ardo en tiu viro ! » « Jes », konsentis malfeliĉa membro de l' L. K. K. « kia ardo, — sed mal-Benard' ».

**La generalo venkis.** — Kiam oni eksciis sur la ŝipo pri la komploto kontraŭ la L. K. K. ekregis granda konsterno, ne nur, ĉar la organizintoj ne meritis tiajn riproĉojn, sed ankaŭ pro la malfavora impreso, kiun farus rilate al Esperanto la eksministra plendletero. Tiam sinsekvis longaj kunsidoj, interparoloj, petoj, petegoj, por ke lia ministra moŝto bonvolu ne efektivigi sian nigran intencon. Estis heroaj debatoj nepublikaj, kaj kun koroj kunikle-febre frapantaj senspira krozadanaro atendis la finrezultaton, kiel oni atendas definitivan verdikton. Fine, dank' al konvinkoforto de generalo Bastien, nia terura hungara samideano bonvolis permesi la enterigon de la infera projekto. Kaj oni vidis sur la ŝipo vizaĝojn ridetantajn.

**Vivo familia.** — Kiel evidentiĝas el desegno, kiun ni publikigas alipaĝe, la krozadanoj plejparte preferis pasigi la noktojn sur la ferdeko ol en tro malvastaj, senaeraj kajutoj. Kaj neŭtrala observanto povis konstati la jenon : Dum la komencaj tagoj la matracoj restis je honesta distanco unuj de l' aliaj. Sed dum la lastaj tagoj ankaŭ la matracoj tre amikiĝis kaj, sekve, alproksimiĝis, tiel, ke ofte estis malfacile diveni, kie unu komenciĝas kaj la alia finiĝas. — Kaj ĝenerale oni vivis sur la ŝipo libere kaj senceremonie. Preskaŭ ĉiuj promenis en duonkompleta nudeco, nur parte maskita per bankostumo, « short » aŭ fantazia kaŝileto. Pro tio generalo Bastien povis aserti, ke « sur la ŝipo neniam estis tago... senvianda ! » Kaj nia bona amiko O. W. Allen, simpatia Usonano, povis diri : « Estas la unua Esperantista kongreso, kiun mi partoprenas, — samtempe ankaŭ la unua Nudista kongreso. »

**Esperanto parolata.** — Se sur la ŝipo oni nur malmulte uzis nian karan lingvon, la menuoj tamen estis tradukitaj en Esperanto (proksimume !). Iun

tagon estis « fiŝo kun verda saŭco » kaj iu spritulo (?), kiu enŝteliĝis en la manĝosalonon antaŭ la aliaj krozadanoj, aldonis du krurojn al la litero V de *verda*, tiel ke la fiŝo naĝis en neordinara saŭco, almenaŭ sur la menuo! Ĉe la tablo de l' oficialuloj, kie oni ĝenerale ne ŝatis neologismojn, oni tute ne « aprezis » la strangan ŝercon.

**Iluzibildoj.** — Certan nervotiklon multaj krozadanoj atendis de la karavano tra la dezerto. Kameloj... beduenoj... leonoj... ŝakaloj... hienoj... sablo, sablo ĝis senlimo... Sed eĉ okaze de la ekskurso tra la dezerto ili vidis ĉie nur bone kulturitajn kamparojn kaj normale civilizitajn homojn. Iom seniluziigite ili demandis: « Sed la dezerto? Kie estas la dezerto? » Kaj hazarde ĉeestanta itala samideano fiere respondis: « Dank' al energio de S-ro Dupont ni jam delonge forviŝis la tutan dezerton! »

---

Ie en la mondo, la 22-an de Aŭgusto 1935.

Karaj Piratoj,

Vi sendis al la Kongreso, tiun ĉi jaron, vian eminentan (?) kunlaboranton Geror Brander, por ke li kolektu la mondumajn klaĉaĵojn de la tuta kongresanaro. Kaj, eble, eble, vi eĉ pagis lian kotizon, dezirante havi la plej freŝajn, la plej taŭgajn, la plej pikajn novaĵojn pri la Firona kongreso, ĉu ne? kaj li preparis por vi tutan artikolaron, kiu ŝajnis al vi la plej diligente, la plej bone aranĝita, ĉu ne?

Sed, nepre, li, tiu konata fripono, forlasis etan, etan aferon: klaĉi pri si mem.

Ho forgesemo, memkonscia forgesemo! Kaj tamen via ŝatata (!?) kunlaboranto estas, laŭdire, laŭscie, la plej pedantaĉa pirato de via tuta ŝipo. Ĉiam li surmetas la punktojn sur la « i-jn ». Eĉ sur la grandaj I-literoj de lia verda kongreslibro troviĝas la punktoj de li faritaj.

Por forigi tian gravan mankon en via monduma klaĉejo, mi nun do sentas la piratan devon sciigi al vi la jenajn aferojn:

1-e — Tiu ĉi netaŭga homo
Ne ĉeestis eĉ, en Romo,
El laborkunsidoj unu
(Lin, piratoj, nepre punu!),
Pravigante sin per tio:
« Tute prava antaŭscio,
Ke en ili mankas manĝo,
Kaj ne estas trink-aranĝo
Je la kost' de L. K. K.;
Kial mi ĉeestu do? »

2-e — Tiu ĉi fripon' konata
Ho forges' de dev' pirata,
Ja ne fumis sur la ŝipo
Eĉ duonon da plenpipo.

3-e — Historio aŭtentika:
Ĵus en la dezert' afrika
Fraŭlineto ekamanta
Al li diris kortremanta:
« Ho pirat', mi amas *vi.* »
Kaj la luna poezi'
De l' dezerto lumarĝenta
En la kvietec' silenta
Ne malhelpis lin deklari
Solenege: « Ne erari
Devas vi, ho fraŭlineto,
Ne *vi, vin*; eĉ en diskreto! »

4-e — Jam en Tripoli Geror
Bone havis en memor'
Insult-vortojn dudekdu,
Nek forgesis ilin plu:
« Scimmia, idiota, porcellino,
Bestia, stupido, cretino »,
Kaj la sekvon katalogan,
Pli ol la komenc' allogan,
— Ĉar ne dece estas — mi
Ne priskribu tie ĉi...

5-e — Fine, en Ĝenovo jam
Elŝipiĝas « Pauvre enfant! »
Sed li, male de l' aliaj
Gajaj membroj familiaj,
Ja ne serĉis l' haventuron,
Nur kaŝatan aventuron....

Tion mi kredis devige rakonti al vi, por ke vi vidu kia danĝero minacas la bonan famon de l' pirataro pere de tiaj sentaŭguloj, kia S-ro Geror Brander.

Senestime via,

K. T. P.

---

**El letero de unu el niaj okazaj kunlaborantoj:**

« Se vi povos utiligi miajn literaturaĵojn, tio tre flatos min; se ne, mi tamen restos abonanto! »

Ni rekomendas tiun ĉi formulon al ĉiuj verkemuloj.

---

*Le Gérant:* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝtĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIVe*. — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**